# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 2/2/2017 Tricentsepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **710,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**La** Esperanta Retradio **donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.** ☺

★★★http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine ★★★







**De naskiĝo ĝis lernejo**




**De lernejo ĝis morto**



**Oni studas sian denaskan lingvon 24/7**



Lingvoj ne estas facilaj. La Retradio helpos vin! Ĉiutaga aŭskultado

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika Ekzerco 6.



Dum la Subjekto kaj la Objekto havas substantivan valoron, la Adjektoj havas adverban funkcion. Ili do povas esti Adverbo aŭ Prepozitivo. Jen ekzemploj:
(adverbo) Ĝi manĝas ĉiam rapide. Ili vestas sin envintre tre varme.
(prepozitivo) Pro laceco ŝi dormis dum ses horoj sur la kanapo. Ni babilis malpost kaj post la opero havante multajn novaĵojn. Sen sufiĉa mono vi ne sukcesos por longa tempo en tiu entrepreno. Sub varmega **suno ni** post longe tie haltis por ripozi.

Ne malofte unu el la Adjektoj metiĝas tuj en la komencon de la frazo, sed nur pro stilkonsideroj. Ekz. Dum la mateno ni naĝis en la rivero kaj post la tagmanĝo ni promenis en la arbaro.

La konilo por la Adjekto estas AŬ la adverba finaĵo "-e" AŬ la prepozicio, sed notu ke en prepozitivo oni povas ŝanĝi la prepozicion al akuzativa finaĵo "-n", kiu esprimo tamen restas prepozitivo, ekz. "Pasintan Merkredon li dormis la tutan nokton"; "La unuan parton de nia vojaĝo ni veturis Romon". (daŭrigota) *Marcel Leereveld.*

# Pri AE206



Gratulojn al Joanne Johns pro ŝia granda sukceso en la Supera.
Gratulojn ankaŭ al la Brisbananoj, al la organizantoj, al la instruistoj, kaj al la partoprenantoj pro bonega Kongreso; se Marcel tiom alte taksas ĝin, ĝi estis sendube tia.
Mi ĝuis la raportojn, kaj ankaŭ la foton kiun sendis Sandor.
Spirite ĉiam kum vi ĉiuj *Vera Payne*

***Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio***

## *ALTERNATIVO POR IPERNITY...*

La fama socia reto Vkontakte (VK) ankaŭ en Esperanto!

Bona novaĵo por Esperanto, kaj por ĉiuj kiuj ekhavis problemon pro la anonco pri Ipernity-malapero: ekde nun vi povas uzi paĝojn de la retejo "Vkontakte, VK" por konservi, disvastigi, kundividi viajn diversajn esperantaĵojn.

VK estas bona interŝanĝilo kaj konservilo (arkivejo) kaj estas **tute senpaga**. Ĝi estas pli uzant-amika ol Facebook kaj aferojn pli facilas tie stoki, konservi kaj re-trovi denove *(malkiel ĉe FB, kies ĉefa celo estas tamen iom malsama)*. Granda avantaĝo estas, ke **vi povas uzi la retpaĝon en Esperanto,** ĉar nia nuna E@I-volontulo Ilja Gnusarev el Rusio preskaŭ ĝisfine tradukis ĝin.

En la retpaĝo vi povas senprobleme el/alŝuti videojn, sonregistraĵon, dosierojn, bildojn, fotojn diversformate. Iru al http://vk.com, registriĝu kaj ne forgesu elekti Esperanton kiel lingvon de la interfaco! La retejo estas havebla krom en Esperanto en pli ol 80 lingvoj.

Se vi do daŭre ne trovis taŭgan retspacon por konservi viajn materialojn de Ipernity, aŭ simple serĉas similan retejon, pripensu uzi eble ĝuste "VKontante" – efektive estas granda ŝanco ke la aferoj restos tie longdaŭre, kaj ke la projekto restos perspektive funkcianta.




Por tiuj, kiuj ne konas la projekton – temas efektive pri la plej granda rusa socia reto, kiu havas **dekojn da milionoj da uzantoj**. Same tre utilas, ke ekzistas ankaŭ aplikaĵoj por ĉiuj 3 ĉefaj operaciaj platformoj por poŝtelefonoj. Ĝi ja estas **la 4-a plej vizitata retejo en la mondo**, kun 90 milionoj da uzantoj ĉiumonate. Kiel la retejo skribas pri si mem: "VK estas socia reto por rapida kaj oportuna komunikado inter homoj en la tuta mondo. Tasko de VK estas en ĉiu aparta momento resti la plej moderna, rapida kaj estetika komunukiĝmaniero en la reto." *Fonto:* http://blogo.ikso.net

Do jen, ekuzu ĝin eble ankaŭ vi, kaj rekte en Esperanto! E@I-teamo, *Peter Balaž*

## Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero




**Ne sendita informo ne povus aperi en la novaĵletero.**



Ne raportitaj eventoj rapide velkos el historio kaj memoro
Sendu la informon al AE, la novaĵletero, rspring@tpg.com.au



## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da senpaga kafo



La 4an Februaro estos la unua Sabato. Venu. *Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon Roger Springer*



## 3ZZZ

En la programo de la 30a de januaro Heather pli informas pri la somerkursaro en Brisbane. La nuna monda politiko kaj aparte la reagoj al la decidoj de prezidento Trump estas ankaŭ la temo de la elsendo





Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*

# La novaĵletero

Aŭstraliaj Esperantistoj

Inspiro naskis ĉi novaĵleteron. Estas la grandaj distancoj inter la aŭstraliaj esperantistoj
Ofte oni sentas sin sola en Esperantujo. La novaĵletero povus amikigi la Esperantistojn en nia lando sed nur se oni skribus pri siaj spertoj kaj uzas la novaĵleteron por kuraĝigi aliulojn daŭri en sia sindevigo kun nia lingvo.




La celo estas ke agoj de unu klubo, aŭ unu persono estu diskonigotaj al ĉiuj Esperantistoj tra nia vasta lando.
Krom sendi viajn „facebook“ Esperantajn novaĵojn al AE kaj ĝiaj 300 legantoj.
Vi povus skribi pri viaj eksterlandaj esperantaj spertoj kaj montri la valoron de Esperanto.
Konigu novulojn, lernantojn, vizitantojn por bonvenigi ilin al Aŭstralia Esperantujo.

Ĉiuj povus lerni per la spertoj sukcesaj de aliuloj kaj fari similanj agojn.
Semajna novaĵo havas la eblecon malebligi malverajn onidirojn kiuj povus disigi niajn organizaciojn.

Mi scias ke multo okazis en Esperantujo Aŭstralio, sed preskaŭ neniu havis la tempon aŭ emon informi AE.

Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

**Ne raportitaj kunvenoj, vojaĝoj rapide velkos el historio kaj memoro**

Ĉiuj valoraĵoj bezonas iun laboron/penon/koston por la daŭra travivo *Roger S.*